18-JARO N-ro 7 (198) Nov.-Dec. 1932

# BELGA ESPERANTISTO


## MONATA REVUO

*Oficiala organo de Belga Ligo Esperantista*

Direktoro:
FRANS SCHOOFS
11, Kleine Hondstraat, Antverpeno
Telefono: 943.74

Abonpagoj kaj aliaj monsendoj al
Poŝtĉeko No 1337.67
de
BELGA LIGO ESPERANTISTA

**Konstantaj kunlaborantoj**: M. JAUMOTTE, L. COGEN, W. DE SCHUTTER, S-ino L. FAES
H. PETIAU, F-ino R. SPIRA, S-ino J. VAN DER VEKEN, M. DE KETELAERE.


## 22a BELGA KONGRESO DE ESPERANTO en BRUSELO

### Pentekosto 1933

La havas la plezuron sciigi al niaj samideanoj en Belgujo, ke la 22a nacia kongreso de Esperanto okazos dum la Pentekostaj tagoj en Bruselo.

Ni ne dubas, ke la partoprenontoj estos multnombraj, precipe ĉar la ĉefurbo, plej centre lokita, estas por ĉiuj tre facile atingebla.

La aliĝilo kaj la aliaj informoj pri nia venonta landa festo estos dissendataj kun nia proksima numero.

Jen la provizora programo de la kongreso:

*SABATON, la 3an de Junio:*

16a h.: Malfermo de la Akceptejo en la kafejo « La Sako », Granda Placo, 4;

20a h. 45: Labora kunsido de Belga Ligo Esperantista.

*DIMANĈON, la 4an de Junio:*

Antaŭtagmeze: Diservo. — Demeto de floroj sur la tombo de la nekonata militinto;

10 h. 30: Solena malfermo de la Kongreso en la salono « La Cigno », Granda Placo, 9. — Akcepto en la Urbodomo. — Fotografado.

13 h.: Festeno en la salono « La Cigno ».

15 h.: Kunveno de U.E.A. Belga Teritorio, en salono « La Sako ».

20 h.: Teatra festo. — Koncerto. — Balo.

*LUNDON, la 5an de Junio:*

Ekskursoj en la ĉirkaŭaĵoj de Bruselo.

La loka kongreskomitato konsistas el: Prezidanto: D-ro Kempeneers; Vic-prezidantino: F-ino Jennen; Sekretariinoj: F-inoj Grenson kaj Obozinski; Kasisto: D-ro W. Van der Biest; Membroj: S-ino Staes, S-roj L. Bas, Castel, Hart, Lahaye kaj Swinne.

# BELGA LIGO ESPERANTISTA

## *Protokolo de la kunveno de la Komitato okazinta en Bruselo la 18 Decembro 1932.*

La kunsido komenciĝis je la 10 1/4a sub la prezidanteco de S-ro Schoofs. Liga Prezidanto, kiu bonvenigas la ĉeestantaron.

ĈEESTIS: a) *Ĝekomitatanoj:* S-ino Elworthy-Posenaer, S-roj Schoofs kaj D-ro Van der Biest. *Senkulpiĝis:* S-roj Champy kaj Oscar Van Schoor.

b) *Grupaj ĝedelegitoj:* Aalst: S-roj Van Wanseele kaj Collin; Antverpeno: S-roj Bolsius kaj De Coster; Bruĝo: S-ro Poupeye; Bruselo: S-ro D-ro Kempeneers kaj F-ino Obozinski; Gento: S-ro Petiau; Lieĝo: S-roj Turc kaj Denise; Liero: S-ro Leflot; Ninovo: S-ro Cogen. *Senkulpiĝis:* Hasselto: S-ro Van Genechten; Verviers: S-ro Hérion.

TAGORDO:

1. *Morala kaj financa situacio de la Ligo.* — La prezidanto diras, ke la morala situacio de la Ligo estas bona kaj la rilatoj inter la grupoj kaj la Ligestraro estas tre agrablaj kaj kuraĝigaj. Li senkulpigas S-ron Jaumotte, Liga Kasisto, kiu pro la ĵus okazinta morto de sia frato ne povas ĉeesti. Li aldonas ke la financoj de la Ligo kvankam ankoraŭ tre kontentigaj devas nepre esti plibonigitaj per varbado de multaj membroj.

2. *Nia estonta agado.* — La Estraro faras alvokon por ke la grupoj pli disvastigu sian propagandon kaj organizu pli da kursoj. Ĝi insistas por ke oni membrigu la lernantojn tuj je l'komenco de la kursoj por interesigi ilin al la grupa vivo kaj samtempe por havigi pli da monrimedoj por la propagando.

S-ro Schoofs gratulas la « Societon Lieĝan por la Propagando de Esperanto » pro ĝia bonega laboro kaj esperas, ke ĝi sukcesos starigi aliajn grupojn en la Valona parto de la lando kaj precipe en Namur kaj Charleroi, kie ekzistas kelkaj izolaj samideanoj al kiuj la Liga Sekretario skribos por ke ili helpu. S-ro Turc dankas kaj certigas, ke la Lieĝaj Esperantistoj daŭrigos siajn klopodojn por divastigi nian movadon en la Valona regiono.

La prezidanto sugestas pli intiman kunlaboron kun « Belga Esperanto-Instituto » kiu efike povas helpi la grupojn en ilia propaganda tasko.

La prezidanto anoncas, ke la « Bruĝa Grupo » akiris la titolon de « Reĝa Societo » kaj gratulas la Delegiton, S-ron Poupeye petante, ke li transdonu al siaj membroj la dankojn de la Ligo por ilia bona laboro kaj precipe por la bela sukceso de la jubilea festo, kiu estis vera ĝuo por la ĉeestantaro.

3. *Nacia Kongreso 1933.* — Pro diversaj cirkonstancoj la Estraro proponas, ke ĝi okazu en Bruselo dum Pentekosto venonta. La Gedeligitoj de la Brusela Grupo favore akceptas la proponon kaj donos baldaŭ la oficialan respondon.

4. *Universala Kongreso en Kolonjo.* — S-ro Schoofs faras alvokon por ke oni tuj aliĝu por profiti la rabatitan prezon kaj helpi la organizantojn.

5. *Universala Organizo.* — La Prezidanto raportas pri la kunsidoj en Parizo de K. R. kaj de la Generala Estraro de la Esperanto movado, kies rezulto estis la decido pri la nuligo de la Kontrakto de Helsinki kaj pri la starigo de Komisiono por verki statutojn por nova organizado sub la nomo « Universala Federacio Esperantista ».

Tiuj statutoj aperis en la kajero Sept.-Okt. de « Belga Esperantisto ». La kunveno priparolas tiujn statutojn.

S-ino Elworthy, farinte kelkajn rimarkojn pri la novaj statutoj, diras, ke laŭ ŝi, ili plimalbonigis la situacion ĉar ili endanĝerigas la unuecon de la movado anstataŭ ĝin unuigi laŭ la celo de la iniciatoroj de la reorganizo.

Post detala ekzameno de la situacio oni unuanime voĉdonas la jenan rezolucion :

La Komitato de Belga Ligo Esperantista, kunveninta en Bruselo, la 18an de Decembro 1932 :

Aŭdinte la raporton de sia delegito en K.R. pri la kunvenoj en Parizo de K.R. kaj de la Generala Estraro,

Ekzameninte la proponitan Statuton de U.F.E.,

Alte taksante ĉiun klopodon por racia kaj pli simpla unueca organizo de la Universala Esperanto-Movado,

Konstatinte ke en Belgujo la multjara kunlaboro inter la nacia societo kaj UEA kontentige funkciis tiel por ambaŭ organizaĵoj, kiel por la Generala movado de Esperanto en Belgujo,

Konstatinte, ke ne estas eble nunmomente pligrandigi nek la kotizon de la membroj de la Ligo, nek la kvoton de tiu kotizo dediĉotan al la universala organizo ;

Konsiderante unuflanke, ke jam pluraj naciaj societoj sciigis sian nepran deziron konservi kunlaboron kun UEA, kaj aliflanke ke UEA rifuzas eniri la novan organizaĵon proponitan, kaj ke tiamaniere la dezirita unueco de la Esperanto-movado ne povas esti atingita ;

Konsiderante, ke de la Kongreso de Krakovo — en kiu, laŭ propono de Brita Esperanto-Asocio, oni konstatis same —, ne okazis ŝanĝo en la situacio tiam konsiderita kiel ne oportuna por fari tiel fundamentajn ŝanĝojn en la universala organizo, precipe kiam pri ili ne regas unuanimeco inter la naciaj societoj kaj UEA ;

Aprobas la sintenon de sia reprezentanto en Parizo kaj speciale dum la diskutoj pri la disrompo de la kontrakto de Helsinki ;

Bedaŭras la disrompon de la Kontrakto de Helsinki, antaŭ ol iu alia sistemo de organizo estis starigita kaj akceptita interkonsente inter la du kontraktintaj instancoj ;

Proponas al la naciaj societoj aliĝintaj al K.R., prokrasti ĉiun definitivan decidon, kaj remeti la temon sur la tagordon de kunveno de K.R. en Kolonjo, kun la celo starigi novajn principojn kiel bazon de reaj traktadoj kun UEA ;

Decidas : intertempe pagi kiel antaŭe al K.R. sian kotizon kutiman por 1933 kaj sugestas ke, se ne estas eble starigi racian reorganizon interkonsente kun UEA, la ĝisnuna organizo estu konservata laŭ bazo de la kontrakto de Helsinki, al kiu oni alportu utilajn kaj praktikajn plibonigojn, interalie ekzemple sistemon de financa kunlaboro tiel de UEA kiel de la naciaj societoj per pago laŭ la membra nombro ;

kaj faras varman alvokon al la gvidantoj de la naciaj societoj kaj de UEA por ke ili esploru kun la plej granda bona volo la eblecon prezenti solvon, kiu respektas la fruktojn de la multjaraj klopodoj dediĉitaj de la du instancoj

de nia tutmonda movado, tiom sur la kampo de la praktika organizo kiom sur tiu de la ĝenerala propagando por Esperanto.

Laŭ propono de S-ro Poupeye, la Komitato decidas, ke la Ligo petos ke UEA. disponu al ĉiu membro ekzempleron de la speciala numero Nov. 1932 de la Gazeto « Esperanto », por ke ili estu informataj pri la tuta problemo.

6. *Skolta movado.* — La Sekretario instigas, ke oni faru propagandon ĉe la skoltoj okaze de la granda skolta mondkunveno (Jamboreo) kiu okazos en Budapest de la 1-a ĝis la 15-a de Aŭgusto venanta. Ĉar multaj belgaj skoltoj ĉeestos tiun manifestacion estas bonega okazo por proponi al ili la lernadon de Esperanto por interrilati kun la skoltoj esperantistaj kiuj estos multnombraj en Budapest. Informoj pri tiu Jamboreo aperos en la venonta numero de B. E.

7. *Reelekto de la Ligestraro.* — La Ligestraranoj estis unuanime reelektataj: Prezidanto: Frans Schoofs; Vicprezidantoj: L. Cogen kaj P. Kempeneers; Ĝenerala Sekretario: Henri Petiau; Kasisto: Maurice Jaumotte.

8. *Diversaj komunikaĵoj.* — D-ro Kempeneers informas, ke en la nova « Manuel de Conversation » de « Belga Turing Klubo », la tradukaĵoj estos ankaŭ faritaj en Esperanto, kaj en la « Annuaire Belge de Commerce et de l'Industrie », la esperantistoj estos montritaj per steleto antaŭ sia nomo. La Samideanoj, kiuj deziras figuri en tiu jarlibro sin turnu al la Liga Sekretario.

La kunveno finiĝis je la 14 horo.

---

# BELGA ESPERANTO-INSTITUTO

## KOOPERA SOCIETO

La 13an de Novembro okazis la Ordinara Ĝenerala Kunveno de nia belga eldona societo de Esperanto. La Administrantaro prezentis sian raporton pri la 6a societa jaro 1931-1932. El tiu raporto ni ĉerpas la sekvantajn interesajn detalojn :

La ĝeneralaj ekonomiaj malfacilaĵoj ankaŭ iom influis la negocadon. Malgraŭ tio la situacio estas bona kaj tute sana.

La KAPITALO kreskis de Fr. 145.000,— ĝis Fr. 150.500,—. La pagita parto atingas la sumon de Fr. 113.369,23.

AKCIULOJ. — Je la 31 a de Marto 1932 la nombro de la akciuloj estas 101.

PROPRAJ ELDONOJ :

1) propagandaj leterpapero, kovertoj, poŝtkartoj, markoj kaj insignoj;

2) speciala eldono por Belgujo de la « Fundamento » (Franca eldono) ;

3) flandra eldono de « L'initiation à l'Esperanto » — « Inleiding tot Esperanto » ;

4) flandra kaj franca eldono de « Esenco kaj Estonteco de la Ideo de Lingvo Internacia ».

INVENTARO. — Je la 31a de Marto 1932 la valoro de la inventaro atingas Fr. 79,271,—.

La REZERVOJ aspektas jene:

| | Por amortizo de Inventaro | Laŭleĝa | Eksterordinara | SUMOJ |
|---|---|---|---|---|
| Laŭ pasintjara bilanco . . | 18.400,— | 1.322,46 | 2.505,11 | 22.227,57 |
| Laŭ decido de ĝen. kunv. 1931 | | 377,54 | 494,89 | 872,43 |
| | 18.400,— | 1.700,— | 3.000,— | 23.100,— |
| Post aprobo de la bilanco 1931/2 estas aldonitaj . . | 4.600,— | 200,— | | 4.800,— |
| kaj la sumoj estos . . . | 23.000,— | 1.900,— | 3.000,— | 27.900,— |

La ĝenerala kunveno aprobis la Bilancon ĉi suban je la 31-a de Marto 1932:

AKTIVO:

| | | |
|---|---|---|
| Akciuloj: pagota kapitalo . . . . . . . . . . . | Fr. | 37.130,77 |
| Banko: Ĉekkonto . . . . . . . . . . . . . . | » | 4.162,40 |
| Banko: 15-taga konto . . . . . . . . . . . | » | 34.000,— |
| Poŝtĉekkonto . . . . . . . . . . . . . . . | » | 4.824,95 |
| Inventaro . . . . . . . . . . . . . . . . | » | 79.271,— |
| Ŝuldantoj . . . . . . . . . . . . . . . . | » | 43.985,55 |
| Laŭstatutaj deponoj de Administrantoj kaj Komisaroj . | » | 4.000,— |
| | Fr. | 207.374,67 |

PASIVO:

| | | |
|---|---|---|
| Subskribita kapitalo . . . . . . . . . . . . | Fr. | 150.500,— |
| Kreditoroj . . . . . . . . . . . . . . . . | » | 21.162,55 |
| Rezervoj: Amortizo de Inventaro: 18.400 + 4.600 . . | » | 23.000,— |
| Rezervo por ne-certaj ŝuldantoj . . . . . | » | 215,60 |
| Impostoj 1931-1932 . . . . . . . . . . . | » | 1.000,— |
| Laŭleĝa 5 %: 1.322,46 + 377,54 . . | » | 1.700,— |
| Eksterordinara: 2.505,11 + 494,89 . . | » | 3.000,— |
| Laŭstatutaj deponintoj . . . . . . . . . . . | » | 4.000,— |
| Neta Profito . . . . . . . . . . . . . . . | » | 2.796,52 |
| | Fr. | 207.374,67 |

La kalkulo de perdoj kaj profitoj estis poste prezentita kaj la komisaroj raportis pri sia agado dum la pasinta societa jaro.

La ĝenerala kunveno, aprobis la dividon de la neta profito de Fr. 2.796,52 laŭ jena maniero: Al laŭleĝa rezervo (5 %) . . . . . . . Fr. 200,—
Saldo al sekvanta societa jaro . . . . . . . . . . . » 2.596,52

ADMINISTRADO. — Konforme al paragrafo 10 de la Statutoj finiĝas la mandato de S-ro Frans Schoofs, Administranto, kiu estas reelektita por la periodo de 6 jaroj: 1932-1938.

La Administrantoj estas nun: G. Vermandere (1933), O. Van Schoor (1934), M. De Ketelaere (1935), E. De Coster (1936), M. Jaumotte (1937), Fr. Schoofs (1938); kaj la Komisaroj: R. Geerinck (1933), L. De Hondt (1934), J. Morrens (1935), H. Vermuyten (1936), Ch. Van der Veken (1937).

Per du specialaj voĉdonoj laŭleĝaj la kunveno kvitigis la Administrantaron kaj la Komisarojn de ilia direktado dum la pasinta societa jaro 1931-1932.

# BELGA KRONIKO

**ANTVERPENO. — Reĝa Societo " La Verda Stelo "** s.s.p.c. — Sabaton 6 de Novembro niaj bonaj geamikoj Gesinjoroj K. Van der Veken-Van Bockel, en « Burleska Parlamento » prezentis, kontraŭstaris kaj diskutis pri temo en kiu baldaŭ ĉiuj interesiĝis kaj devigis ĉiujn paroli. — La 8an : Malfermiĝis la tria kurso de la sezono. La kurson gvidas F-ino M. Jacobs. — Por festi la datrevenon de la Armistico, balo estis anoncita. Antaŭ ĝi okazis la diplomdisdono al la kursanoj de S-ro Hector Boffejon kiu gvidis « Rapidan Kurson ». Akiris la diplomon : F-inoj Van der Auwera, kaj De Visser, S-ro Claus kaj F-ino Dubois.

La Generala monata kunsido okazis la 19an sed ne ĉeestis tiom da aŭskultontoj ol dum la parolado kiun bonvolis fari S-ro K. Van der Veken la postan Sabaton kiam li tre interese parolis pri la « Evoluo de sociaj ideoj » de Plato ĝis Shaw, sed... malfeliĉe kiam en apuda salono, samtempe okazas festeno, dum kiu la piano, nek la voĉoj silentas... la peno de la paroladisto estas despli granda. La longaj aplaŭdoj ĉiu-okaze esprimis la tutkoran dankon de la aŭskultantaro.

La 3an de Decembro okazis ĝenerala kunveno, dum kiu estis prezentita kaj priparolita la propono pri la reorganizo de la Universala Movado Esperantista. La ĝenerala ideo estis, ke se novaj bazoj devus veni, ili devus efektivigi pli-grandan kunlaboradon inter la naciaj societoj kaj U. E. A.

En pli bonaj cirkonstancoj, kvankam ankaŭ ne en taŭga loko povis okazi, la 10an de Decembro, la bela parolado de S-ro Hector Vermuyten pri la « Greka antikva Teatro ». Kun plezuro ĉiuj antaŭvidas la daŭrigon de tiu parolado.

La « Zamenhof-tago » estas festo por kiu « Verda Stelo » kunvokis ĉiujn amikojn al ekspozicio de esperanto-libroj. S-ro Morris De Ketelaere, senkulpigis S-ron M. Jaumotte, la Prezidanton, malhelpatan ĉeesti la kunsidon pro funebro. Li revekigis la memoron de nia Majstro. Post tiu iom solena komenco de la festo, la dancado finigis la vesperon en plej varma kaj bonhumora atmosfero...

Je l'okazo de la « KRISTNASKFESTO » belega arbo estis aranĝita kaj ornamita en la « Witte Leeuw ». Neniam estis tiom da belaj donacoj, tiom da feliĉaj gajnintoj. Vere, niaj bonaj amikoj, G-roj Bolsius, Vermandere, kaj Fabian Heller konas bone « Sanktan Nikolaon aŭ lian kuzon, kiu alportas donacojn por la Kristnaska-arbo...

—

**BRUĜO. — Bruĝa Grupo Esperantista. — Reĝa Societo.** — La 1-an de Novembro, delegacio de la grupo, kun la flago, partoprenis en la ĉiujara funebra sekvantaro ĝis la milita tombejo.

La 8-an, okazis en la sidejo « Gouden Hoorn », la malfermo de la reorganizita grupa biblioteko. La bibliotekistoj, S-roj Jos. De Coster kaj Henri Braekevelt, deĵoras tie ĉiu-marde, de la 19a h. 30 ĝis la 20a. La komitato esperas ke la gemembroj multe uzos tiun novan facilaĵon kaj ankaŭ ke eblaj posedantoj de esperantaj libroj bonvolos pruntedoni ilin al tiu biblioteko por ke la tuta membraro profitu per ilia legado.

La grupo ricevis la 12-an, oficialan honorigon sekve de sia tridekjara jubileo,

nome la titolon : « Reĝa Societo ». F-ino Yvonne Thooris, Prezidantino, sciigis tion al la membroj dum la kunveno de la 15-a kaj esprimis la esperon ke, per daŭra entuziasma laborado, la grupo ĉiam restos inda de tiu enviinda titolo. En la sama kunveno okazis dua kaj denove tre interesa debato pri « Feliĉeco ».

Nova kurso por komencantoj estis malfermata la 18-an kun relativa sukceso ; enskribiĝis 16 gelernantoj, inter kiuj pluraj instruistinoj. La kurson gvidas S-ro Ch. Poupeye, sekretario.

Priparolado de F-ino Suzanne Weissenborn, okazis la 22-an pri temo : Kinematografio » tre lerte kaj interesplene prezentita.

La 13-an de decembro okazis la ĉiumonata kanta vespero, sub gvidado de F-inoj Suzanne Weissenborn kaj Yvonne Van Mechelen. Ĝin ĉeestis ankaŭ multaj el la novaj gelernantoj al kiuj la himno « La Espero » estis instruata per klarigado de la teksto kaj aŭdigo de la muziko per gramofona disko.

Dum la kunveno de la 20-a, S-ro Ch. Poupeye, sekretario, raportis pri la kunveno de la Liga Komitato okazinta en Brusela la 18-an. La raportitaj konkludoj de tiu kunveno estas aprobitaj de la ĉeestantoj grupanoj.

Aliflanke la kurso por komencantoj daŭriĝas kun granda fidelemo flanke de la gelernantoj, kaj de nun estas organizata supera kurso, kiu komenĉiĝos la 14-an de februaro 1933.

---

# NIA FAMILIA KRONIKO

## GRATULOJ

Al S-ro **Gustave Faes,** membro de « La Verda Stelo », kiu estas nomita Kavaliro en la Ordeno de Leopold II, la 23an de Novembro.

Al S-ro **Ferd. Hanjoul,** membro de la sama grupo, kiu ricevis la Mèdaljon rememorigan de la Centjara Jubileo.

## NEKROLOGO

S-ro **James Van Drunen,** Prezidinto de la Brusela Grupo Esperantista kaj de la iama Federacio de la Bruselaj Grupoj, mortis en Bruselo la 14-an de Novembro. Li estis preskaŭ 78-jara. Nia samideano estis dum multaj jaroj profesoro ĉe la Brusela Universitato, kie li de 1901 ĝis 1903 plenumis la oficon de Rektoro. Li ne nur estis sciencisto, sed krom tio li kulturis la literaturon, verkinte kelkajn tre favore akceptitajn franclingvajn librojn. Al lia familio ni prezentas niajn plej korajn kondolencojn.

S-ro **Richard Raikes Dodson,** membro de « La Verda Stelo », Antverpeno, mortis la 1-an de Decembro, aĝa je 45 jaroj. Al liaj funebrantaj vidvino kaj ambaŭ filoj ni prezentas la esprimon de nia sincera kunsento kaj forta simpatio.

Al S-ro **Maurice Jaumotte,** kasisto de Belga Ligo Esperantista kaj Prezidanto de la Direktanta Komitato de « La Verda Stelo », kaj al lia familio ni prezentas niajn sincerajn kondolencojn pro la morto de lia frato, S-ro Georges Désiré Jaumotte, okazinta la 11-an de Decembro.




## El Belgujo al Kolonjo.

Jam postlasis la ekspreso post si la belgan-germanan landlimon, la montojn kaj tunelojn, jam ĝi atingis antaŭ Düren ebenan terenon kaj traveturas fruktodonan, bone kulturitan regionon. Subite, preskaŭ nerimarkate, ankoraŭ unu fojon ekstere fariĝas malhele, kaj kun obtuza bruo la vagonaro malaperis en tunelon treete longan. Trapasinte vi mire rigardas tra la fenestro returne-efektive, jen vi rimarkas longe etendiĝantan altetaĵon. Kaj denove vi veturas tra ebena, fruktodona tereno. Post nelonge vi vidas alproksimiĝantan urbegon. Domoj, fabrikoj, preĝejoturoj — Kolonjo vin salutas. Kolonjo, la urbo de « Nia Dudek-kvina », de la JUBILEA KONGRESO Esperantista, de la Arĝenta Mondfesto de l'Esperantistaro. La altetaĵo, kiun vi traveturis, estas la « Antaŭmontaro ». Ĝi limigas, sur la maldekstra Rejnflanko, la fruktodonan teritorion de l'tiel nomita « Kolonja Golfo ».

Pli kaj pli nun kreskas antaŭ vi la grandurbo. Du turoj filigrane delikataj kaj travideblaj etendas siajn pintojn pli kaj pli alten en la ĉielon: la fama katedralo de Kolonjo, la « Kölner Dom ». Dekstre — masa konstruaĵo: « Alta Domo », moderna mult-etaĝa turdomego el la postmilita tempo, kiam en multaj urboj oni volis imiti la amerikanojn, sed ne tute sukcesis.

Sube — trafikplena strato: la bulvardo. Refoje dekstre — preĝejo kun krono sur la turo: Sankta Ursulo. Nia ekspreso malrapidigas la kuradon. Kaj nun ĝi enveturas potencan halegon. Ankoraŭ kelkaj radturniĝoj. Kaj halto.

Vi elvagoniĝas, malsupreniras la peronojn, paŝas el la stacidomo.

Jen surprizo! Iom maldekstre antaŭ vi leviĝas, kapturnige alten, la katedralo. Subite, neatendite, impone, venke, humilige. Vole nevole vi haltas, ne povas tuj komenci vian vojon en la urbon.

Cetere, kie ĝi estas — la urbo? Ĉie la vojo ŝajnas barita. Dekstre, nenia eliro, — absolute blokita. Rekte antaŭe — larĝa masa domego, malgraŭ sia maseco unuamomente apenaŭ rimarkata, pro la ĉion estinganta imponeco de l'katedralo. Maldekstre — tiu ĉi katedralo.

En vero, la spaco tute ne estas tiel eta, kiel ŝajnas unuavide. La placo antaŭ la stacidomo estas tamen ne malgranda, se oni forpensas por momento la tro imponajn monumentojn de homa konstruarto. Kaj jen, vi rimarkas ankaŭ la elirejojn. Certe, ili ja ekzistas; de kie venus alie la multaj tramoj, la aŭtomobiloj kaj la homamasoj?!

Sed eĉ, kiam fine vi trovis vojon en la urbon, kiam vi jam ekvagis en ĝi, —

preskaŭ je ĉiu paŝo denove ŝajnas al vi, ke tiu ĉi urbo estas barita. Strange! Stratoj mallarĝaj, kurbaj. Trafikŝtopitaj. Multaj riĉe provizitaj elmontrejoj ambaŭflanke. Tramoj tro longaj, je limaka rapideco vindiĝantaj tra la «kanjonaj» stratetoj. Trotuaroj apenaŭ sufiĉantaj por du personoj, kelkloke eĉ ne por unu sola. Kiu en tiu ĉi urbo ne iras dekstraflanke, laŭ la regulo, tiu estas perdita. Vi, kara vizitonto de nia Jubilea Kongreso, kompreneble ĉiam iros dekstre, kaj tiamaniere vi tamen sukcesos elvindiĝi el tiu labirinta malvestejo. Vi miregos: subite sterniĝas antaŭ vi stratego larĝa, longa, kun du relparoj en la mezo rezervita ekskluzive por la tramo, kun po unu aŭtomobilvojo dekstre kaj maldekstre kaj kun larĝaj trotuaroj. Ĉu en unu momento tiu ĉi urbo ŝanĝiĝis? Jes, vere: vi forlasis la malvastan spacon de la urbokerno, kaj vi atingis la novan parton, komenciĝantan per la bela, larĝa strato — la bulvardo. La bulvardo ĉirkaŭas duoncirkle la tutan internan parton de la urbo, komenciĝante ĉe la Rejn-rivero kaj finiĝante ĉe la Rejn-rivero. En tiu duoncirklo situis la mezepoka teritorio de la urbo, ĉirkaŭita de muregoj kaj remparoj. Kolonjo de pratempoj estis fortikaĵo, kaj kie nun estas la bulvardoj, tie antaŭ sesdek jaroj ankoraŭ troviĝis la antaŭmuregaj remparoj. Nun la bulvardoj pli kaj pli fariĝas la ĉefa trafika arterio de Kolonjo. Tie estas loko, tie la trafiko povas disvolviĝi sen grandaj malfacilaĵoj, tie la tramoj, la aŭtomobiloj kaj eĉ la homoj povas rapidi laŭplaĉe. Tie lastatempe estiĝis la grandaj kafejoj, la ĉefaj kinematografejoj, luksaj magazenoj, tie troviĝas ankaŭ la operejo kaj aliaj eminentaj konstruaĵoj.



*Katedralo*

Sed kelkcent metrojn de la bulvardoj eksteren, la urbo denove ŝajnas barita: tie alta fervoja digo lasas liberaj nur kelkajn malaltajn trapasejojn. Trairinte ilin, vi havas la impreson, kvazaŭ tiu stranga urbo refoje ŝanĝiĝis. Kaj vere — kien via rigardo atingas, ĝi rimarkas vastajn verdajn areojn, interrompitajn de aleoj, arbustaroj, rozĝardenoj... Kaj tiu ĉi larĝa « verda zono » tiriĝas preskaŭ ĉirkaŭ la tuta urbo. Pli grandan diferencon oni ne povas imagi. en la interna parto de la urbo — preskaŭ nenia verda placeto; stratoj, domoj, stratoj, domoj, kvankam parte tre interesaj; ĉi tie antaŭ ĝiaj « pordoj » — vastaj verdaj oazoj interrompitaj de kolorĝojaj florobedoj.

Kie la « verda zono » ĉesas, tie komenciĝas la antaŭurboj. Sed ne kredu ĉi tiujn antaŭurbojn negravaj! Kelkaj el ili ankoraŭ ŝajnas memstaraj urboj. Ili havas sian specialan vivon. Rimarku, ke la malnova parto de la urbo (interne

de la bulvardoj) havas nur ĉirkaŭ 140.000 loĝantojn, la nova parto (ekstere de la bulvardoj) 130.000, kaj la antaŭurboj kune 470.000 loĝantojn! La tuta urbo havas pli ol 740.000. Antaŭ cent jaroj, oni nombris en Kolonjo (sen antaŭurboj) 64.000 loĝantojn.



*Turo de la Kongresejo*

Se vi trairos la antaŭurbojn — tion vi tamen ne bezonos fari en la unua tago de via ĉeesto — vi trovos, ekster ili, duan verdan zonon, la t. n. « eksteran verdan zonon », ankoraŭ multe pli larĝan kaj multege pli longan ol la interna. En tiu zono troviĝas ankaŭ la urba arbaro, artefaritaj lagoj kaj montetoj, la granda stadiono, la aviadejo kaj vico da ruinoj de iamaj fortikaĵetoj, detruitaj laŭ la lasta packontrakto, per kiu Kolonjo ĉesis esti fortikigita urbo kaj ricevis la eblecon de libera disetendiĝo. Nur malmultaj fremdaj vizitantoj penetras ĝis tie (se ili ne uzis la aeroplanon por alveturi), kaj tamen, nur tiam oni sentas vere la grandiozan kreskadon de tiu ĉi urbo post la milito, kvazaŭ de korpa estaĵo, se oni forlasis la internon kaj venis ĉi tien eksteren.



*Malnova Urbodomo*

Ankaŭ sur la dekstra bordo de l'Rejno la urbo komencis etendiĝi laŭ grandskalaj mezuroj. Tuj apud la Rejno, kun la rigardo al la unika panoramo kun la katedralo, paradas nun la Rejnlanda Muzeo, la Foiraj kaj Ekspoziciaj Haloj kun la Kongrespalaco. Antaŭ ĉi tiu lasta etendiĝas granda parko laŭlonge de la Rejn-rivero. Certe niaj kongresanoj en la venonta somero speciale ŝatos tiun ĉi parkon, en kiu ili povos promeni laŭplaĉe, rigardi la riveron kun ĝiaj multaj ŝipoj kaj ŝipetoj, aŭ la transan bordon kun la katedralo, aŭ aŭskulti la koncertojn de la parkorkestro, aŭ sidi sur teraso super la rivero, trinkante ardan vinon, freŝigan bieron, kafon aŭ alian refreŝigaĵon.

El Belgujo al Kolonjo estas ne malproksime. La interrilatoj inter la belgaj kaj rejnlandaj samideanoj ĉiam estis tre koraj kaj amikaj. Tial la LKK de la 25-a Universala Kongreso, de nia Jubilea Kongreso, esperas ke en la venonta somero ĝi povos saluti multajn belgajn geamikojn.

---

## EL LA OFICIALA INFORMILO N-ro 2

*Afiŝoj pri la 25-a Universala Kongreso:* La urbo Köln donacis 3.000 belajn afiŝojn kun bildo de la fama katedralo kaj kun Esperanto-teksto. Ili estas senpage riceveblaj ĉe la LKK.

*Aliĝoj:* Ĝis nun anoncis sian aliĝon 325 personoj el 25 landoj.

Laŭlanda statistiko: Anglujo 30, Aŭstralio 1, Aŭstrio 7, Belgujo 18, Ĉeĥoslovakujo 13, Danujo 2, Dancigo 1, Estonio 1, Finlando 1, Francujo 41, Germanujo 131, Hispanujo 10 (inter ili tri el Katalunujo), Hungarujo 3, Italujo 11, Japanujo 1, Jugoslavujo 1, Nederlando 22, Nederl. Hindujo 1, Polujo 14 (inter ili n-roj 1-12 rezervitaj por familio Zamenhof), Rumanujo 1, Saarteritorio 1, Skotlando 4, Svedujo 4, Svislando 6.

*Blindula Kaso:* La LKK akceptas mondonacojn por subteni partoprenon en la Kongreso al blindulaj samideanoj. La ĝis nun ricevita sumo estas gmk. 88.36.

*Fervoja Rabato:* LKK ĝis nun atingis jenajn reduktojn sur *germanoj fervojoj:* Karavanoj de 15 personoj ricevos 25%-an rabaton. Karavanoj de 50 pers. ricevos 33 %-an rabaton. Izoluloj uzantaj la fervojon rajtas uzi tiel nomatajn « dimanĉbiletojn » (rabato de 33 %). Ili validos sur ĉiuj linioj ĝis distanco de 250 km. ĉirkaŭ Köln. Detaloj sekvos.

La belgaj kongresanoj kaj la nebelgaj, kiuj trapasos Belgujon, ĝuos rabaton de 35 % de post la 15-a de julio (por la alvojaĝo), ĝis la 31-a de aŭgusto (por la revojaĝo) je la tarifoj de la nacia *Societo de Belgaj Fervojoj*, kaj de 30 % por la ir- kaj revenbileto Dover-Ostende. La kongresanoj interesitaj bonvolu sin turni al Belga Ligo Esperantista, 11, Klein Hondstraat, Antverpeno, por ricevi la kartojn necesajn por akiri la rabatojn, aldonante unu respondkuponon de UEA aŭ de poŝto.

*La LKK elektis jenajn Konsilantojn:* S-ino A. Berger, s-ro J. Berger (fakaj kunvenoj), s-ro K. Brakel, f-ino M. Cahen, f-ino A. Fuchs (protokolistino), D-ro med. W. Heinen (kuracistoj), s-ro Hendrichs (katolikaj aferoj), s-ro T. Jung (kongres-propagando), s-ro A. Junker, s-ro J. Kreitz (blinduloj), f-ino Ch. Mielau (instruistoj), s-ro H. Schneider, s-ro M. Schumacher (enlanda gazetaro).

*Junulaj Membroj:* La ordinara kotizo por gejunuloj malpli ol 17-jaraj estas gmk. 5. — Gejunuloj ne rajtas ricevi la kongresajn dokumentojn.

*Valoran kongresmemoraĵon* ricevos tiuj aliĝontoj, kiuj estos pagintaj sian kotizon ĝis fino de marto 1933.



Grupo de kelkaj samideanoj kiuj ĉeestis la festojn de la tridekjara jubileo de la « Bruĝa Grupo Esperantista », kiu je tiu okazo akiris la titolon « Reĝa Societo », laŭ letero el la Reĝa Palaco de la 12-a de Novembro 1932.

# DEK SES-JARA

— Jean-Jacques!

— Venu do, Jean Jacques!

— Kio okazas al li?

— Ne estas tiom grave! Kia troigo!...

Ili estis du ĝenevaj buboj apud la malgranda Rousseau kuŝanta sur la rempara deklivo, lia garbo de sovaĝaj floroj glitintaj el liaj fingroj, la korpo skuita pro plorsingultoj.

Senspiraj pro sia vana kurado, ambaŭ ridis pri la okazintaĵo: levponto mallevita kelkajn minutojn antaŭ la laŭregula horo, dimanĉa tago kiu plilongiĝas, nokto pasigota en la fojno de gastema garbejo, reiro hejmen morgaŭ je tagiĝo — kia kaŭzo por plori!

Iaj doloroj havas akcenton, kiu malpermesas la mokadon. Ili konfuze tion divenis. Kaj ili sin klinis super tiu senespera infano, ekprovante mallertajn konsolojn:

— Kelkaj batoj; oni ne mortas pro ili!

— Estos tuj forgesite! Kaj se vi ĵuras al via mastro, ke estas la lasta fojo!

Facile ili prijuĝis la aventureton, ili, kiuj havis hejmon, familion kaj patrinan rideton tute pretan al pardono!

Jean-Jacques fine stariĝis, montris fermitan vizaĝon, frunton baritan per sekreta decido, okulojn subite sekiĝintajn. Li sekvis siajn kamaradojn ĝis en la garbejo, kie dufoje jam ili finigis sian dimanĉon, tial ke la urbopordoj de Ĝenevo estis fermitaj. La odoro de la fojno al la malgranda Rousseau elvokis la memoron pri majstra punbatado, kiu lasis lin kontuzitan, kun rompitaj membroj, kun hontoplena koro kaj kun minaco je puno pli terura se li rekomencus. Li forŝovis tiun memoraĵon. Li ne plu volis pensi al la pasinteco. De sia urbo li amis nur ĝin mem, ĝiajn ŝtonojn, ĝiajn domojn, silueton ĉe la lagobordo, rebrilojn bluajn ondantajn sur la fasadoj grizaj kaj neniun, ne unu amikon, krom sia kuzo Bernard. Li povos foriri, forkuri la perfortojn, la batojn, de la abomeninda mastro, kiu brulis liajn librojn. Ĝenevo perdita por li... Sed nova perspektivo sin prezentis al la dekses jaroj de Jean-Jacques: la vojo... La voĉo de liaj amikoj malprecize alvenis al li; ridante ili dividis inter si la panon de sia vespermanĝo. Li, rifuzante manĝi, sin etendis en la fojno.

La vojo... la arbaroj, la herbejoj, la valeto de la Seyme, la bordoj de la Rhône, ĉio kio apartenos al li ne nur unu dimanĉon posttagmezon, sed la tutan semajnon; la manĝoj en la farmodomoj, la laboro... kiun laboron li kapablis plenumi, tiu gravurist-lernanto kun siaj delikataj manoj? Senutila demando, kiun li eĉ ne distingis en la blindiĝo pro la promesita libereco. Sendube ekzistis en la mondo aliaj mastroj, malpli stultaj, malpli arogantaj ol tiu, kiun li rifuzis revidi. Timema espero de feliĉeco gardostaris apud li dum la dormo dolĉega nebuligis lian revadon. Stelo, kiu vin rigardas inter du traboj, la odoro de la fojno, la vojo... kaj tiam dolorplena vekiĝo en la tremetado de la matenruĝo, tiu momento, kiam la ĉagreno sin prezentas unuavice.

Li akompanis siajn kamaradojn ĝis la levponto kaj rigardis la larĝe malfermitan pordon, tra kiu enpuŝiĝis la legomistoj. La urbo ridetis al la suno

kaj gaje reprenis la ĉiutagan taskon. Sonorilturo aŭdigas malproksiman horon. Jean-Jacques restis surda kontraŭ tiuj invitoj, kontraŭ la konsiloj de siaj kamaradoj. Ĉio, kion ili akiris, estis tiu ĉi peto:

— Informu mian kuzon Bernard. Mi ŝatus diri adiaŭ al li.

Li vidis ilin pasi la ponton, sin returni ankoraŭ, trairi la pordon kaj malaperi.

*El « Jean-Jacques aŭ la Solulo-Promenanto » de NOELLE ROGER.*

Tradukis Frans SCHOOFS.

---

## MI SERĈAS TRADUKANTOJN

### en la regionoj, en kiuj oni legas ĉi tiun gazeton.

Ili devas:

1. esti kapablaj, bonstile kaj elegante traduki artikolojn verkitajn en Esperanto en sian nacian lingvon;
2. havi bonajn interrilatojn al gravaj gazetoj (ĉiutagaj aŭ periodaj) de sia lando, por instigi ilin al publikigo de artikoloj, kiuj rilatas ekonomiajn, industriajn kaj komercajn aferojn kaj estos laŭ sia enhavo valoraj kaj de publika intereso.

Tiuj samideanoj, kiuj estos pretaj, labori kun mi (por entrepreno cetere ankaŭ valora por nia Esperanto-propagando), estas petataj, skribi al mi tre baldaŭ sian adreson, por ke mi povu informi ilin pri mia laborplano, kaj por ke ni povu interrilati pri la reciprokaj kondiĉoj.

Kun samideana saluto

Prof. Dr. DIETTERLLE, Beethovenstr. 19, Leipzig.

---

# REKOMENDATAJ HOTELOJ

**ANTVERPENO:**

**De Witte Leeuw,** 4 Frankrijklei. Tel.: 373.21.
**Monopole,** Statiestraat, 21. Tel.: 267.15.
**Progrès,** De Keyserlei, 61. Tel.: 353.81.
**Roi Albert,** Place de la Gare, 44. Tel.: 217.60.

**BRUSELO:**

**Brasserie du Sac,** Grand'Place, 4. Tel.: 12.62.25.
**Hôtel des Négociants,** rue de la Fourche, 17. Tel.: 12.69.23 & 11.08.44.
**Hôtel de l'Espérance,** Pl. de la Constitution 14. Tel. 11.27.91.
**Grand Hôtel G. Scheers,** Boul. Adolphe Max. Tel. 17.77.60 ĝis 62.
**Grand Hôtel des Colonies,** rue des Croisades 2. Tel.: 17.00.94.

**GENTO:**

**Hôtel de lYsèr,** 65 Flandra strato. Tel.: 110.91.
**Hôtel Terminus,** Placo Marie Henriette. Tel. 110.45.

**NINOVE:**

**Hôtel de l'Etoile,** Place de la Station. Tel.: 19.

**OSTENDO:**

**Hôtel Vroome,** 20 Bulvardo Rogier. Tel. 37.

# BONHUMORO

URĜA. — *Patrino al Peĉjo, kiu senhalte legas libron :* Mi opinias, ke nun vi povus formeti la libron ; ne necesas ja ke vi ĝin finlegu hodiaŭ vespere.
*Peĉjo :* Sed, Patrino, staras sur la libro, ke ĝi estas por knaboj 10-12 jaraj kaj morgaŭ mi iĝas 13 jara.

KLARIGO. — Karlo makulas la tablotukon, manĝante ovon.
*Patrino :* Atentu do, Karlo, kion vi tie faris !
*Karlo :* Jes, patrino, tio okazas ĉar la kokinoj multe tro plenigas la ovojn.

SINGARDEMO. — Nu, Willy, ĉu vi amas viajn malamikojn ?
— Jes, almenaŭ kiam mi renkontas ilin ĉiujn kune.

ANKAU DEZERTO. — Simplulo, la instruisto, parolis pri la dezertoj : « La dezertoj estas lokoj, kie nenio kreskas, nek arboj, nek legomoj, nek floroj, eĉ ne herbero. »
Iu bubaĉo subite kriis : « Mastro, estas muŝo sur via dezerto. »

LA FORTO DE LA KUTIMO. — Juna edzino plendis al sia amikino pri sia edzo :
— Mia edzo estas tiel distrita. Kiam li estas matenmanĝinta li lasas trinkmonon sur la tablo kaj akceptinte de mi ŝian ĉapelon, li puŝas moneron en mian manon.
— Ne tro atentu pri tio, konsolis la amikino, tio estas la forto de la kutimo.
— Tio estas precipe plej maltrankviliga, ĉar kiam mi hodiaŭ matene helpis lin surmeti sian palton, li pinĉis al mi la vangon kaj donis al mi kison.

NEKOMPRENEBLE. — Vi havas plurajn fratojn, ĉu ne, Sinjoro ?
— Ne, Sinjorino, nur unu.
— Ĉu nur unu ?
— Jes, Sinjorino.
— Tion me ne komprenas. Mi same petis al via fratino kaj ŝi respondis, ke ŝi havas du.

KOMPLEZEMO. — *Li.* — Kiam estas via naskiĝa datreveno, karulino ?
*Ŝi.* — Kiam vi volos, karulo.

DANKEMO. — *Teddy.* — Kia bela elpensaĵo, tiuj fervojoj !
*Taddy.* — Jes, al ili mi ŝuldas mian fortunon.
*Teddy.* — Ĉu vi estas inĝeniero ?
*Taddy.* — Ne, mi heredis de onklo, kiu mortis en fervoja akcidento, lastan jaron !

---

## ALVOKO AL LA XV-aj INTERNACIAJ FLORAJ LUDOJ

*Al la esperantistaj verkistoj:*

La Komitato de la XV-aj Internaciaj Floraj Ludoj vin salutas kaj invitas partopreni la jenajn konkursojn.

ORDINARAJ TEMOJ

*Originalaj Tekstoj*

I. Originala versaĵo kantanta *Amon.*

II. Originala *Ama* verko en prozo.

*Tradukitaj Tekstoj*

I. Traduko de fragmento de la konata tragedio de Angel Guimerà, « Maro kaj Ĉielo » (Mar i Cel).

II. Traduko de fragmento de la fama dramo de la sama aŭtoro, « En la Malsupra Lando » (Terra Baixa).

EKSTERORDINARAJ TEMOJ

I. Premio de la Prezidanto de K. E. F., 50 pesetoj. Temo: Laŭvola.

II. Premio de la Estraro de K. E. F., 50 pesetoj. Temo: Laŭvola.

III. Premio de « Kataluna Esperantisto ». Dumviva abono al la gazeto. Temo: Kiel oni faras bonstilan tradukon.

IV. Premio de la grupo « Barcelona Stelo », 50 pesetoj. Temo: Studo pri popolkantoj kaj popolkutimoj.

V. Premio de la grupo « Paco kaj Amo », 50 pesetoj. Temo: Laŭvola.

Pliaj premioj kaj temoj sekvos en venontaj numeroj de Kataluna Esperantisto.

Inspiron al ĉiuj por la gloro de nia Literaturo!

La Juĝanta Komitato:

La Prezidanto,
*Artur Domènech.*

La Sekretario,
*Jaume Grau Casas.*

## ESPERANTO-RADIO-PROGRAMO

**kompilita de Internacia Radio-Servo, komisiita de I.C.K.**

*Adreso:* Joh. JUNGFER, *Lindenstr. 10, Lübben (Spreewald), Germanujo*

**Mallongigoj:** *Dimanĉo: D; Lundo: L; Mardo: M; Merkredo: Mk; Jaŭdo: J; Vendredo: V; Sabato: S; ĉiun duan Mk: 2.Mk; neregule, nekonata aŭ necerte: n.*

*Pri temo, sendhoro, ondlongo kaj aliaj detalaĵoj donas informojn la naciaj Radio-gazetoj kaj « Heroldo de Esperanto ».*

**Radio-paroladoj en Esperanto:** Breslau: J; Brno: M; Dresden: 2D; Freiburg: 2Mk; Gleiwitz: J; Grenoble: J; Huizen: 2.S; Kaunas: J; Le Havre: 2.V; Leipzig: 2D; Lille P. T. T. Nord: D; Limoges: J; Lyon-la-Doua: S; Marseille-Provence P.T.T.: Mk; Motala: 4.D; Paris P. T. T.: J; Stockholm kaj relajsoj: 4.D: Stuttgart: 2.Mk; Tallinn: M; Tartu: M; Radio-Côte-d'Azur: V; Lisbono: V; Ljubljano: M.

**Resumo pri la semajna programo en Esperanto:** Danzig: S; Freiburg: V; Heilsberg: S; Königsberg: S; Stuttgart: V.

**Esperanto-kurso per Radio:** Lille P.T.T. Nord: D; Paris P.T.T.: J; Lisbono: S; Grenoble: J; Limoges: J; Radio-Côte-d'Azur: V.

**Aŭskultu la Esperanto-dissendojn! Skribu al la Radio-sendstacioj!**

# BIBLIOGRAFIO

*Verkoj, de kiuj ni ricevas unu ekzempleron, estas citataj sub ĉi tiu rubriko. De tiuj, kiujn ni ricevas duekzemplere, ni publikigas recenzon.*

*Ĉiuj verkoj estas haveblaj ĉe Belga Esperanto-Instituto, Antverpeno, Kleine Hondstraat, 11, rue du Petit Chien; poŝtĉeko n° 1689.58.*

*POL-POMERANIO de Kazimierz Smogorzewski. El la franca tradukis S. Grenkamp-Kornfeld. Kun 22 kartoj entekste kaj 4 plurkoloraj ekstertekste. Eldonejo Esperantista Voĉo, Jaslo, Pollando. 125 Paĝoj, 17x25 cm. Fr. Sv. 2.50.*

Grenkamp kutimigis nin al persona, karakteriza lingvaĵo. Ankaŭ en tiu ĉi libro oni rekonas liajn ordinarajn kvalitojn de flueco kaj klareco. La pritrakto de la subjekto laŭ pola vidpunkto montras al ne inicitoj kiel komplika estas la problemo de la « Pola Koridoro » pro la historiaj al- kaj refluoj de diverslingvaj gentoj kaj estroj. La libro klare akcentas la multnombrecon en Eŭropo kaj ceteraj mondpartoj, de la « koridoroj » pri kiuj oni ne aŭdas paroli ĉar la koncernaj landoj akceptas la juran situacion. Kiu volas konatiĝi kun la pravigo de la pola opinio en tiu « urtikeca » problemo legos tiun interesan traktaĵon.

*EKSIGO de Naum Jeruŝalem. El la hebrea originalo tradukis kaj komentis Leono Vienano. Esperantlingva Novelbiblioteko redaktata de L. Vienano. Eldonejo N. Szapiro, Warszawa, Nowolipki 8. 40 Paĝoj. 14x19.5 cm. Fr.Sv. 0.45.*

Rakonto senarta en ordinara lingvo pri hebreaj situacioj en Palestino.

*LA SERVARO 1932 Universala Esperanto-Asocio, 1 Tour de l'Ile, Genève, Svislando. 96 Paĝoj. 12x17 cm. Prezo ne indikita.*

UEA eldonis ĉi tiun propagand-libreton por konigi la diversajn servojn kiujn ĝi disponigas al siaj membroj. Krom tio, oni trovas en ĝi multajn detalojn el la movado, katalogojn de la diversaj esperantaj eldonejoj, kiuj igas ĝin traserĉinda kaj konservinda verketo. Ĝi fideligu la nunajn membrojn kaj varbu multajn novajn.

*OFICIALA JARLIBRO DE LA ESPERANTO-MOVADO 1932 20-a jaro. Universala Esperanto-Asocio, 1 Tour de l'Ile, Genève, Svislando; 320 Paĝoj, 12x16 cm.*

En la nunaj cirkonstancoj, ni ne povas pli bone fari ol ripeti kion ni je alia okazo jam skribis pri tiu eldonaĵo: « Se estas unu libro, kiu devus troviĝi en la manoj de ĉiuj Esperantistoj senescepte, estas la Jarlibro de U.E.A. Oni trovas ankoraŭ Esperantistojn, kiuj ne estas membroj de U.E.A. Sed tio plej ofte devenas de la fakto, ke ili ne scias ke U.E.A. ekzistas, aŭ ke ili ne konas la utilecon de tiu organizo. Ni neniam sufiĉe ofte povos paroli pri U.E.A. kaj klarigi ĝian celon. U.E.A. estas la internacia societo kiu celas grupigi individue ĉiujn Esperantistojn de la tuta mondo por meti je ilia dispono, sian mirindan universalan organizaĵon de Delegitoj, kiuj funkcias kiel konsuloj de Esperanto en miloj da urboj, urbetoj kaj eĉ vilaĝoj de la tuta mondo. La adresoj de tiuj Delegitoj estas ĉiujare indikitaj en la « Oficiala Jarlibro » kiun ĉiu membro ricevas senpage. Ni rememorigas ke por Belgujo, la kotizo de Membro-Abonanto estas nur Fr. 40, enhavante la abonon de la ĉiumonata revuo « Esperanto » kaj la ricevon de la « Jarlibro ». Pri U.E.A. ni devas diri: la servoj kaj la utiloj haveblaj estas tiel grandegaj kompare al la eta kotizo, ke ĉiu Esperantisto devus senti la devon membriĝi al tiu societo kiun mi nomas « la spino de Esperanto ». Ju pli forte staras U.E.A. des pli rapide progresos nia lingvo. Se U.E.A. pereus, laboro de dekoj da jaroj perdiĝus. Koni Esperanton kaj ne posedi la Adres-libron de la Delegitoj de U.E.A., estas kiel posedi telefonon sed ne la telefonnumer-libron. Ĉiu faru sian devon.

*HOMOJ SUR LA TERO. Romano de Stellan Engholm. Gajninto de la literatura konkurso de Literatura Mondo en 1931. Formato 20x13.5 cm. 201 paĝ. Presita sur senligna papero kun ilustrita kovrilo. Eldonis Literatura Mondo, Budapest. Prezo: bind. 1,—, broŝ. 0.70 dol. usonaj, plus 10 0/0 por sendkostoj.*

*SYSTEMATISK KURS I ESPERANTO. Henrik Seppik-Ernfrid Malmgren. (Sistema kurso de Esperanto). — 88 paĝ. Eld. Soc. Esperanto, Poŝta fako 698, Stockholm I, Svedujo. Prezo: 0,75 sved. kronoj.*

Aro da alilandaj esperantaj instruistoj dum la lastaj jaroj agadis en Svedujo, sin tute dediĉante al instruado pri Esperanto. Ili ĉiuj devas instrui rekt-metode, sed en la detaloj la metodoj varias. Ĉar la jam ekzistantaj lernolibroj por svedoj estas verkitaj en sveda lingvo por uzo de svede parolanta instruisto ili malfacile estis uzataj en la rektmetodaj kursoj, kiujn gvidis la nesvedaj instruantoj. La verkintoj multe okupis sin pri rektmetodaj kursoj kaj verkis libron kun laŭtempa enhavo. La frazaro estas ordigita laŭgrade kaj la vortoj estas plej grandparte modernaj kaj la enhavo tre interesiga.

Inter la ekzercoj troviĝas gramatikaj klarigoj en la sveda lingvo.

La lernolibro faris grandan sukceson. La eldoninto sciigas ke dum tri monatoj vendiĝis 3000 ekzempleroj, bona pruvo ke ĝi plaĉas al la publiko kiu lernas Esperanton.

*DIALOGOJ EN ESPERANTO. Por kursoj gaj grupaj kunvenoj. Einar Dahl. 32 paĝ. Eld. Soc. Esperanto, Box 698, Stockholm, I. — Prezo: 0,50 sved. kron.*

En kursoj kaj grupaj kunvenoj ni devas kiel eble plej ofte uzi Esperanton por perfektiĝi. Esperanto estas tre facila! Tio ne estas nur frazo, sed pruvita fakto. Sed ĝi ne estas tiel facila, ke oni ne bezonas lerni kaj ekzerci ĝin. Plej necesa estas ekzercado por lerni flue paroli en Esperanto.

La verkinto kolektis por tiu celo dek dialogojn kun simpla kaj facila enhavo, kiujn li origine skribis por la kunvenoj de la grupo, al kiu li apartenas. Tie ili faris sukceson. La temoj ne estas elektitaj laŭ certa tendenco, kontraŭe ili estas de malsimilaj specoj. Malnovaj fabloj tute forestas, ĉar la verkinto klopodis havigi temojn el la ĉiutaga vivo, kiuj povas interesigi gejunulojn nuntempajn.

La dialoga formo pli ol la kutimaj, laŭgrande ordigitaj legaĵoj donas intereson al la ekzercadoj, ĉar du el la kursanoj demandas kaj respondas laŭvice.

*FABELOJ de ANDERSEN (Plena Kolekto — Tria Parto) traduko de D-ro L. L. Zamenhof. Fr. Fr. 9,—. 156 paĝ. 21×15 cm. Eldonis: 1932. Esperantista Centra Librejo, Parizo. Prezo: Fr. 15.*

La Esperantistaro jam konas la belan tradukon de fabeloj de Andersen, faritan de nia Majstro. Ni do ne insistos pri la allogo de tiu ĉi tria parto. Ĉiuj Esperantistoj certe ŝatos akiri por sia biblioteko tiun ĉi novan tradukan laboron de la glora elpensinto de nia lingvo. Ties lingvo kaj stilo ĉiam restas por ĉiuj la plej bela ekzemplo de simpleco kaj klareco. La initiativo de la Pariza Eldonejo kompletigi per tiu ĉi eldono la serion de la « Fabeloj » estas tial plej laŭdinda.

*KNOCK aŭ LA TRIUMFO DE MEDICINO, komedio en tri aktoj, de Jules Romains. — Traduko de D-ro Pierre Corret. 80 paĝoj, 19×20 cm. Eldonis: 1932, « Esperantista Voĉo », Jaslo (Polujo). Prezo: B. Fr. 11,—.*

Ĉu ni diru la laŭdojn, kiujn meritas tiu ĉi bela traduko de verko preskaŭ universe konata pro la persono mem de sia aŭtoro, kaj nun, post la Universala Kongreso de Esperanto, vere universale konata kaj aŭdata. La sukceso, kiun la internacia ludantaro en Parizo akiris apud la internacia publiko, kaj kiu entuziasmigis la aŭtoron mem, kiu ĉeestis, estas garantioj pri la taŭgeco de tiu ĉi traduko, pri kiu cetere la nomo de D-ro Corret jam sufiĉe garantias. Do ankaŭ verko, kiun ĉiu Esperantisto deziros havi en la libroŝranko.

*LA KONFLIKTOJ EN MANĈURIO KAJ SANĤAJO, eldono de «Universala Homama Asocio, Kameoka Kioto-Hu (Japanujo).*

Propaganda broŝuro per kiu la aŭtoroj volas montri al la Esperantistaro, ke la diplomataj rezolucioj kontraŭ Japanujo en la Ligo de Nacioj, estis kaŭzataj de nekompreno de la Oriento demando. Estas pledo per kiu oni kompreneble nur aŭdas la voĉon de niaj Japanaj amikoj, sed malgraŭ tio, ni rekomendas al ĉiuj la aĉeton, je prezo de 2 respondkuponoj internaciaj, de tiu libreto, atendante ke baldaŭ eble ni ankaŭ povu rekomendi la legadon de alia broŝuro, kiun eldonus la kontraŭuloj!

Tiu ĉi nova originala romano de la aŭtoro de « Al Torento » kaj de l'tradukinto de « Per Balono al la Norda Poluso », atestas progreson rilate al stilo kaj teksajo de la temo. Estas priskribitaj tri generacioj de kamparana familio: la feliĉa homo, la heredanto, la nepo. Vivaj estuloj ludas antaŭ niaj okuloj, ne heroj sed veraj homoj kun fortecoj kaj malfortecoj, kun supren- kaj suben-, tien- kaj flanken-iradoj. La interesato pri psikologio trovos en tiu ĉi libro materialon por instrua komparo. Stilo flua kaj agrabla, riĉa kaj pentra donas al la leganto realan valoron kompense de la interesiĝo.

*KIEL FARIĜI POETO aŭ PARNASA GVIDLIBRO de K. Kalocsay kaj G. Waringhien. Formato: 20x13,5 cm. Paĝ. 175. Presita sur senligna papero. Eldonis Literatura Mondo Budapest. Prezo bind. 1,—, broŝ. 0.70 dol. uson. plus 10 0/0 sendkostoj.*

Verko pri la Esperanta Poetiko. Ĉapitroj: Skizo de la Esperanta Metriko, la Arto Poetika, Esperanta Rimaro. Valora lingvo-konstrua dokumento kiu provas resumi kaj klasigi la ĝisnun faritan poezian laboron en la Esperanta literaturo, kaj skizi la vojojn ireblajn al verkontaj poetoj. La tri partoj estas ĉiu por si interesaj. Inter ili specialan citon meritas certe la Arto poetika, kiu laŭ la eminenta ekzemplo de la klasikuloj Horaco, Boileau, Gautier, Verlaine, konsilas la kandidat-poetojn pri la far- kaj nefar-manieroj. Pri la tria parto: la Rimaro, ni povas diri ke se oni kune uzas ĝin kun la Rimvortaro de Jaumotte, eldonita de Belga Esperanto-Instituto, kiuj ŝajnas kompletigi unu la alian, oni certe ne maltrafos unu rimon en la nuna evolua stato de nia lingvo. Verko rekomendata al ĉiuj literatur-amantoj kaj poetoj.

*AMO PER PROVERBOJ. Unuakta komedio de Arthur Azevedo. El la portugala lingvo tradukis A. Couto Fernandes, Lingvokomitatano kaj Prezidanto de Brazila Ligo Esperantista. Dua Eldono. Formato: 12.5x18 cm. Prezo: 0.50 Sv. Fr. Eldonis Presejo: Irmaos Pongetti, Avenida Mem de Sa, 78, Rio de Janeiro, Brazilo.*

Jen reeldono de la facile ludebla kaj plaĉa teatraĵeto kiun ni konsilas al ĉiuj teatraj sekcioj de niaj grupoj.

*FLIRTO ESPERANTO, prilaboris Edz-Peranto. Eldonejo N. Sapiro, 8 Nowolipki, Warszawa, Pollando. Prezo Sv. fr. 0.50.*

Kolekto de 20 apartaj kartoj, formato 8.5x12 cm., kun teksto konsistanta el numeritaj demandoj kaj respondoj rilatantaj reciproke al demandoj kaj respondoj troviĝantaj jen sur unu, jen sur alia karto. Tiu kolekto formas la materialon por societa ludo en kiu ĉiu partoprenanto ricevas unu karton kaj faras unu demandon, indikante la numeron de la frazo kaj aŭdas respondojn diversajn.

*ESPERANTO IN EEN DOOSJE. (Esperanto en skatolo). Kaartjes, Leerboek, Sleutel, de Hans Bakker. Eldonis H. Meulenhoff Amsterdam. Formato de l'skatolo: 27x14 cm., de l'Gramatiko 16,5x23 cm. Paĝ. 104. F. de l'ŝlosilo 16,5x23 cm. Paĝ. 24. Prezo: Fr. 36.—. Vendejo por Belgujo: Belga Esperanto-Instituto, 11 Klein Hondstraat, Antverpeno.*

Esperanto en skatolo estas la ellaborado de la vortkonstrua sistemo sur kiu baziĝas Esperanto. Ses fakoj entenas diversajn slipojn. La tri superaj enhavas sinsekve, la 1-a 10 prefiksojn, la 2-a 43 vortradikojn, la 3-a ĉiujn eblajn finaĵojn de Esperantaj vortoj entute 46. La tri subaj fakoj, dediĉitaj al la korelativaj vortoj enhavas, la 1-a la komencliterojn K, T, Ĉ, Nen, la 2a la aksliteron I, la 3a la finaĵojn O, U, A, E, EL, ktp. Dorsflanke, ĉiuj slipoj portas la klarigon de la koncerna vortelemento, kun eblaj kunmetaĵoj. La ekzerco konsistas en la elprovado de la diversaj eblaj kombinaĵoj. Gramatiko kaj ŝlosilo tre bone verkitaj akompanas la originalan skatolon kaj enkondukas la lernanton en la esperantan ĝardenon. Ni varme rekomendas tiun originalan stud-materialon kiu tuj alkutimigas la lernanton al la mekaniko de la lingvo kaj igas lin rapide progresi.

BESA ADRESARO. — 1932. — La 10a eldono de nomoj kaj adresoj de Esperantistoj el ĉiuj landoj, kiun ni havas antaŭ ni estas broŝureto, kiu kostas 2 belgajn frankojn, kaj kiu enhavas multajn adresojn tute ĝustajn, sed pri kies kunmeto tamen oni ne prenis informojn apud la gvidantoj de la movado en la respektivaj landoj, se almenaŭ ni povas juĝi laŭ nia propra lando. La publikigo de nomoj de etaj infanoj por alveni al la nombro de 1.000 adresoj, ne ŝajnas al ni laŭdinda. La aspekto de la broŝuro tamen estas beleta kaj la utilo malgraŭ ĉio certa.

*ETERNA BUKEDO. Poemoj el dudek lingvoj de K. Kalocsay. Formato 13,5 20,5 cm. Paĝoj 351, eldonis Literatura Mondo. Prezo: broŝ. 2.20 Usonaj dolaroj plus 10 % por sendkostoj.*

Per tiu volumo Kalocsay prezentas la rezultaton de sia longa pacienca penado kaj ekzercado celantaj traduki en Esperanton la plej senco- kaj sentoriĉajn poemojn el la tutmonda literaturo por tiel atingi ankaŭ en Esperanto la perfektecon de esprimo kaj formo sen kiu iu lingvaĵo ne rajtas postuli la honoran nomon de lingvo. Estas tiu severa disciplino kiu preparis la verkiston al la majstra esprimado de siaj propraj ideoj kaj Kalocsay revelacias al ni la sekreton pri tio, kio ebligis lin religi en sia originala verkado la konatan formpurecon. Tio estas silenta admono al niaj kandidat-poetoj. Ni trovas en la libro tradukojn de antikvaj, mezaĝaj kaj modernaj poemoj, de ĉinaj, egiptaj, grekaj, latinaj, hindaj, hebreaj, anglaj, francaj, germanaj, hispanaj, italaj, sufiĉe multe da hungaraj, k. c. Kiel indaj reprezentantoj de la nederlanda (flandra-holanda) lingvo oni estus provinta elekti pli majstrajn poetojn ol Gorter kaj Henriette R. Holst. Ni nur citu Joost van den Vondel, Bilderdijk, Guido Gezelle kaj Karel van de Woestijne, pri kiuj ni rekomendas profundan studon al la interesatoj pri mondliteraturo.

*INTERNACIA HEJMO ESPERANTISTA ASPREMONT (Alpes Maritimes) Franclando, 13 km. ekster Nice, norde en la Alpoj Maraj. Propraĵo de la Esperanto-Movado, sub la aŭspicioj de la Internacia Centra Komitato. Fondita en 1931. 51x20.5 cm.*

Faldfolio destinita por konigi ĉiujn detalojn pri tiu Esperantista renkontejo de libertempantoj, kie oni uzas Esperanton praktike.

*AUSTRIO. Eldonita de Ministerio por Komerco kaj Trafiko. Wien 1932. Prezentita de Internacia Esperanto-Muzeo Wien. 68x24 cm. Faldfolio.*

*KAISERSLAUTERN. Rejnpfalco, Germanujo. 43x24 cm. Gvidfolio. Havebla ĉe Verkehrsverein, Eisenbahnstrasse, Kaiserlautern.*

*FOIRO DE PARIS. Universala kaj internacia. 42.5 x 27 cm. Faldfolio havebla en la Administrejo de la Foiro, 23 Rue N. D. des Victoires, Paris 2e.*

*LA KONSTANTA ĈIAMA KALENDARO. Poŝtkarto 15x10.5 cm. havebla ĉe Societo por kalendarreformo, Lornsenstrasse 24, Kiel, Germanlando.*

*GUIDE OFFICIEL DE DUNKERQUE ET SES ENVIRONS. Syndicat d'Initiative. 52 Paĝoj. 12x15.5 cm.*

*Franclingva gvidlibreto enhavanta Esperantlingvan priskribon de la urbo Dunkerko (Francujo) sur paĝo 52. Laŭdinda kaj imitinda iniviato.*

*TRI RAKONTOJ. El Impresoj de Vojaĝoj (1836) de Alexandre Dumas (1803-1870). Esperanta traduko de S-ro E. Deligny, Prof. diplomita de Internacia Instituto de Esperanto. Imprimerie de l'Indépendant, 1932. Saint-Omer (P. de C.). 44 paĝoj. 16,5x12 cm. Prezo: Fr. fr. 3,50.*

*RAPIDE KAJ BONE Metoda legolibro por infanoj. Kompilis: H. J. Bulthuis. Unua Parto. 44 paĝoj: 18,5x15,5 cm. Eldonis: W. J. Thieme & Cie. Zutphen 1932. Prezo: Guld. 0,55. Ilustrita.*

*RAPIDE KAJ BONE. Metoda legolibreto por infanoj. Dua Parto. Kompilis H. J. Bulthuis. Eldonis 1932, W. J. Thieme & Cie., Zutphen. 64 paĝoj, 18,5x15,5 cm. Prezo Guld. 0,55.*

# TABELO DE ENHAVO

---